# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

23a jaro | Januaro/Februaro 1971 | N-ro 1

*Maribor. La kastelo en la urbcentro.*
*Gi nun estas muzeo.*

Bildkliŝo: Stiftstidende, Hamar.




23-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTOKONGRESO
MARIBOR, 15.—21. 5. 1971

Konstanta adreso: 23-a Kongreso de IFEF YU-62 000 MARIBOR, Jugoslavio.

Poŝtĉekkonto: 518-679-21063 Fervojista Esperanto-Societo Maribor.

Bankkonto: 518-620-1-32002-10/181 KB Maribor, Jugoslavio.

## Informa bulteno

Grava informo pri la aliĝilo:

En la aliĝilo mankas rubriko por «strato kaj numero».

B.v.uzi la suban rubrikon: «provinco» por tiu celo.

Kongreskotizo: Post 31.1. ĝis 30.4.1971: 125 din./10 US-dolaroj.

Familiano, pensiulo, junulo ĝis 21 jaroj, pagas la duonon de la kongreskotizo.

Simbola aliĝo (simpatiano, kiu ne vizitas la kongreson): 25 din./2 US-dolaroj. Simbola aliĝinto ricevos tuj post la kongreso la kompletan kongres-materialon, krom la kongreskarton.

La kongreskotizo estas pagebla en egala valoro de ĉiu ĝenerale ŝangebla valuto, ĝi ne estas repagebla.

Al ĉiu aliĝinto LKK sendos tuj post la ricevita aliĝilo kaj pagita kotizo, la kongreskarton per poŝto.

Grava atentigo:

*La kongreskarto validas kiel senpaga vojaĝbileto sur ĉiuj linioj de la jugoslaviaj fervojoj kaj por ĉiuj trajnoj,* (escepte por trajno «Akropolis-ekspreso»), en 1-a klaso. Tial povos nur tiu, kiu pagis la kotizon, ricevi la karton.

*..La favoron ligita al la kongreskarto; senpaga vojaĝo, nur koncernas fervojistoj, aktivaj kaj pensiuloj, cetere iliaj*

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO
Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio
Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio
Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio

*familianoj, -do ne aliaj nefervojistaj gekongresanoj.*

*Enirvizoj.*

Por la kongresanoj de multaj eŭropaj landoj, ankaŭ ekstereŭropaj, eniri Jugoslavion ne estos problemo, ĉar ili bezonos nur validan pasporton sen aparta vizo. Kongresanoj el la landoj, kun kiuj Jugoslavio ankoraŭ ne interkonsentis pri forigo de vizoj, povos ilin ricevi tute facile ĉe jugoslaviaj ambasadejoj. Septagan enirvizon oni povas ankaŭ ricevi ĉe jugoslavia limo mem, sed estas pli rekomendinde prizorgi la vizon jam antaŭ la forveturo.

*Loĝado.*

La kongresanojn ni loĝigos unuavice en la hoteloj, ĉar la studentaj domoj en la tempo de la kongreso estas okupataj ankoraŭ de la studentoj. Ĉiuj hoteloj estas en la centro de la urbo kaj tre proksime de la kongresejoj. La hotelprezoj estas diversaj, ili dependas de kategorio kaj de la kvalito de la servoj. Tial varias la prezoj de unulitaj ĉambroj de 26 ĝis 56 dinaroj.

Kompleta pensiono en tia ĉambro kostas de 60 ĝis 110 dinarojn. En du- kaj tri-litaj ĉambroj estas kompreneble la prezoj pli malaltaj. La prezaro en la aliĝilo servu kiel orientiĝo por pli faciligi la elekton. La hotelo Bellevue kaj aliaj sur la apuda montaro Pohorje situas en pitoreska kaj bonaera pinarbaro je alteco de 1050 ĝis 1100 m. Ili estas ligitaj kun la urbo per aŭtobusa linio kaj per kablofervojo. Daŭro de la veturado 30 minutoj. Prezo de kablofervojo estas 5 din po tago kaj persono. Motelo Jezero estas 5 km de la urba centro, ligita per multaj aŭtobusaj linioj. La motelo konsistas el malgrandaj dometoj lokigitaj sur la maldekstra bordo de rivero Drava, la Maribora lago. Tiujn loĝeblecojn ni rekomendas al kongresanoj, kiuj ne estos tro ligitaj al kongresaj laboroj kaj deziras ĝui au ripozi en bela naturo. Kongresanoj, kiuj loĝos en ili, povos ricevi ĉiujn manĝojn en la restoracioj de la samaj entreprenoj en la centro de la urbo.

En la studentaj kaj privataj domoj ni ricevos limigitan kvanton de la litoj. Ilia prezo estos inter 15 kaj 20 dinaroj.

Al LKK vi faciligos la laboron, se vi frue mendos la ĉambron.

La turisma takso po tago kaj persono estas 1,20 din.

*Manĝoj.*

La manĝojn oni ricevas en ĉiuj hoteloj, kie oni loĝas kaj en multegaj aliaj restoracioj en la urbo. En tuja proksimeco de la kongresejo troviĝas kelkaj memservadaj restoracioj, kie la tagmanĝo kostas 12 ĝis 16 dinarojn. En aparta fervojista restoracio (memservado) la prezoj estas multe pli moderaj.

*Ekskursoj.*

Laŭ la programo estas antaŭvidita duontaga ekskurso al antikva urbeto Ptuj. Multnombraj vidindaj restaĵoj el ĝia preskaŭ dumiljara vivo altiros ĉies atenton. Kelkajn ni renkontos sur ilia origina loko, sed iliaj plej riĉaj kolektaĵoj troviĝas en la muzeoj kaj en la kastelo super la urbo. Aparte alloga estos la vizito de vinkeloj kaj gustumado de famaj slovenaj vinoj.

Prezo de duontaga ekskurso, inkluzive ĉiuj pagoj, estas 12 din.

Tuttaga ekskurso al tutmonde famaj grotoj de Postojna estas en la programo la lastan tagon. Oni veturos tien per moderna trajno. Post la vizito de la grotoj sekvos komuna tagmanĝo kaj fermo de la kongreso. La partoprenontoj de la postkongreso en la apudmara urbo Opatija adiaŭos kaj daŭrigos la vojaĝon tien. Prezo de tiu ekskurso kun enkalkulita

enirbileto por la groto kaj bona tagmanĝo estas 50 din./4 US-dolaroj.

LKK rekomendas al ĉiuj partoprenontoj de la 23-a jam nun pripensi, kiel plej bone eluzi la senpagan vojaĝbileton (= la kongresan karton) por vizito de aliaj partoj de Jugoslavio. Interesiĝu jam nun pri diversaj eblecoj, demandu pri informoj, ĉu al LKK ĉu ĉe fremdultrafikoficejoj en viaj urboj, kaj faru planon. La printempa sun- kaj florplena monato majo estas la plej agrabla por vojaĝoj per fervojo, ankaŭ la trajnoj ne estas plenaj. Ekkonu la multajn historie konatajn urbojn, la diversajn popolojn kaj iliajn morojn kaj kutimojn, la unikajn urbetojn ĉe la adriatika marbordo. La UEA-delegitoj volonte helpos vin.

*Glumarkoj.*

LKK pretigis trikolorajn glumarkojn, kies bildo estas ankaŭ sur la aliĝilo. La glumarkoj simboligas la kongresurbon per la urba blazono, la fervojon per fluganta rado, Esperanton kaj FISAIC per verda steleto. Bonvolu mendi ilin ĉe LKK. Prezo de folieto (4 ekzempleroj) estas 1 din.

PROVIZORA PROGRAMO

*Vendrede 14.5:* Akcepto de partoprenantoj. Gazetara konferenco.
H. 18.00: Inaŭguro de ekspozicio.

*Sabate 15.5:* Akcepto de partoprenantoj.
H. 16.00: Informa kunsido de LKK kaj IFEF-estraro.
H. 20.00: Interkona vespero.

*Dimanĉe 16.5:*
H. 10.00: Solena malfermo
H. 14.00: Akcepto de landaj reprezentantoj/komitatanoj
H. 18.00: Turistaj filmoj
H. 20.00: Arta vespero.

*Lunde 17.5.:*
H. 8.30: Estrara kaj komitata kunsido — nepublika
H. 10.30: Estrara kaj komitata kunsido-publika
H. 14.00: Daŭrigo de estrara kaj komitata, publika kunsido.
H. 15.00:Duontaga ekskurso al Pohorje
H. 20.00: Balo

*Marde 18.5.:*
H. 8.30: Fakprelega kaj statuta komisionoj
H. 10.00: Terminara kaj junulara komisionoj
H. 13.00: Duontaga ekskurso al Ptuj
Libera vespero.

*Merkrede 19.5.:*
H. 8.30: Fakprelego kaj fakaj filmoj
H. 11.00: Vizito al fabriko de fervoja veturilaro
H. 16.00: Piedpilka maĉo
H. 20.00: Junulara vespero

*Ĵaŭde 20.5.:*
H. 8.30: Plenkunsido
H. 14.30: Prelego por junularo
H. 16.00: Inaŭguro de Esperantostrato
H. 20.00: Teatra vespero

*Vendrede 21.5.:*
H. 7.00: Tuttaga ekskurso al Postojna
H. 13.00: Komuna tagmanĝo kaj kongresfermo, en Postojna.

LKK.

---

## MARIBOR la urbo de la 23-a IFEF Kongreso

En la nov./dec. numero de IF aperis mallonga historio pri la evoluo de jugoslaviaj fervojoj. Vi tie legis, ke Maribor jam en la jaro 1846 estis ligita per durelpara fervojo sur la linio Vieno — Graz — MARIBOR — Celje — Zidani most — Ljubljana — Triesto (kaj Rijeka) kaj

de Zidani most al Zagreb — Sisak. Direkto nordo — sudo. Nur malmultajn jarojn pli poste ĝi estis ankaŭ ligita en direkto oriento — okcidento, en la jaro 1860 per unurelpara linio Budapest —



*Maribor, novaj loĝdomoj en la urbo.*

Cakovec — Pragersko — MARIBOR — kaj en 1863 al Dravograd — Celovec (Klagenfurt) — Villach — Franzensfeste. En la sama jaro oni finkonstruis en Maribor la fervojan uzinon, riparejon por lokomotivoj kaj vagonoj. Tiu uzino estis en Maribor ĝis fino de la I-a mondmilito la ununura konsiderinda granda entrepreno.

Kvankam fariĝis Maribor grava fervoja kruciĝurbo, restis la transportado de lokaj produktoj plejparte al rivero Drava, kie trafikis grandaj 22—28 tonelaj ŝalupoj (vino, arbofruktoj kaj ŝtalo el la uzinoj Prevalje kaj Ravne) kaj flosoj (ligno el Pohorje). La ĉefa celo de la fervojlinioj estis tiam interligi la ĉefurbojn de la monarkio Vieno kaj Budapest al havenurboj Rijeka kaj Triesto. Funkciis en Maribor kelkaj manufakturoj, po unu ledo kaj ŝu-fabriko, tri muelejoj por greno, sur Pohorje multaj vitraĵ-farejoj, sed ili estis pli malpli nur metiaj entreprenoj.

La industria revolucio atingis Maribor apenaŭ post disfalo de duobla monarki Aŭstro-Hungario en la jaro 1918 kaj liberiĝo de slovena nacio. Tiam komenciĝis pli rapida ekonomia kaj kultura evoluo de Maribor kaj de ĝia loĝantaro. La malgrandaj entreprenoj ne povis pro tro malnoviĝinta metia labormaniero elteni konkurencon de la moderna industrio. Tial kelkaj ĉesis labori, la aliaj fariĝis ĝermoj de novaj industriaj branĉoj. Nun posedas Maribor lignaĵ-, ŝtalkonstru-, elektroteknik-, ĥemi-, ŝu-, tekstil-, aŭtomobil- kaj aliajn fabrikojn, en kiuj mastrumas memstare la laboristaro, do la kolektivoj mem. Maribor fariĝis unu el la plej gravaj industricentroj de la lando. Pro 7 novaj hidro-elektrofarejoj sur Drava, tiu rivero perdis la signifon de akvo-trafik-vojo.

Simile evoluiĝis ankaŭ la kultura vivo de la urbo. En la jaro 1851 estis konstruita la teatro, kies konstruaĵo ankoraŭ nun servas al la sama celo kiel drama kaj opera teatro. Al la kongresanoj ni



*Maribor, nova teknika mezlernejo.*

povas jam hodiaŭ diri, ke ĝi prezentos al ili la slovenan folkloran komikan operon «Gorenjski slavcek». En la kongresa libro kaj en la teatra kajero vi legos la enhavon kaj klarigojn de la scenoj. Pro postuloj de la ekonomio kaj de industrio oni fondis antaŭ 10 jaroj 7 novajn superajn lernejojn: la ekonomi-komercan, maŝin-, elektro-, ĥemi-, konstru-teknik-

Daŭrigo p. 14.

# POHORJE - la ekskursloko de la 23-a IFEF kongreso en Maribor

POHORJE estas montaro, kiu etendiĝas okcidente de Maribor en longeco de 60 kaj larĝeco de ĝis 30 km. Ĝi estas stakforma montoĉeno sen abruptaj deklivoj, ĝia kurba montsurfaco estas ege larĝa kaj preskaŭ ebena, alta de 1000 ĝis 1500 m., tute kovrita per miksitaj konifer- kaj foli-arbaroj, unu parto estas eĉ praarbaro kaj nacia parko kun protektita bestaro. Kelkaj naturaj senarbaj aŭ eltrunkigitaj deklivaj surfacoj servas dumvintre kiel agrablaj kaj oportunaj ski-terenoj kun multegaj tir- kaj seĝliftoj. Ĉie troviĝas tre ĉarmaj kaj sufiĉe komfortaj montaraj hoteloj kaj alpaj domoj kun centra hejtado kaj varma akvo en la ĉambroj. Ilia situo estas elektita tiel, ke ĉiu domo havas belan kaj vastan panoramon. Ĉiuj lokoj kaj partoj estas laŭlonge kaj laŭlarĝe ligitaj per tre bonaj vojoj kaj ŝoseoj, kiuj servas al turistoj kaj ankaŭ por ekspluatado de ligna riĉeco. Pohorje apartenas al la plej malnova alpa strio, ĝi konsistas el granito, kvarco kaj gnejso, tra kiuj ne penetras la akvo. La sekvo de tio estas, ke oni povas trovi tute supre malgrandajn lagojn kaj marĉojn.

Sur Pohorje oni povas veturi per regulaj aŭtobusoj kaj per gondol-lifto. La veturtempo el la urba centro ĝis la supro de la maribora parto de Pohorje estas 30 minutoj.

La bonegaj kaj mondkonataj ski-terenoj de Pohorje allogas dumvintre multegajn sportistojn, ĉiuvintre okazas tie ankaŭ la famaj Fis-A slalomkonkuroj, en kiuj partoprenas la skianta elito el ĉiuj kontinentoj. Dumsomere servas la domoj kiel tre agrablaj, freŝ- kaj bonaeraj, trankvilaj kaj malmultekostaj somerrestadejoj.



*Pohorje, la poŝtista domo.*

Pro tiuj kaj aliaj avantaĝoj LKK esperas, ke multaj kongresanoj tre volonte deziros loĝi en kelkaj pli proksimaj hoteloj-domoj sur Pohorje.

*Ludviko Prebil.*

---

*Ludviko Prebil*

# POSTOJNA - Tuttaga ekskursloko de la 23-a IFEF Kongreso

La urbo Postojna situas proksimume en la mezo de fervojlinio Ljubljana — Triesto. Tiu parto de Slovenio nomiĝas Notranjska. Ĝi estas malebena kaj malaltmontara kalkŝtona regiono, nomata ankaŭ Karsto. Kvankam ĝi estas surkreskita de herboj kaj malaltkreskaj arboj, ĉie vidiĝas rokoj. La surface estas plena de kavaĵoj, vidataj kvazaŭ funeloj post forta bombardado. La tuta vasta



*Predjamski grad — Postojna.*

Bildkliŝo: Stiftstidende, Hamar.

regiono estas riĉa ankaŭ je multegaj malgrandaj kaj grandaj subteraj kavaĵoj. Ĉiuj riveroj de tiu regiono ofte malaperas, denove aperas ie malproksime kaj tio ripetiĝas kelkfoje. Tute samaj estas tie la lagoj, kiuj dum senpluvaj periodoj malaperas.

La kalkŝtono facile fluidiĝas de la akvo. Tia fluidaĵo trapenetras en la subterajn kavaĵojn — grotojn. Ekestas sintroj en diversformaj stalagmitoj kaj stalaktitoj, kurtenoj, kristalaj figuroj, ofte similaj al homaj statuoj, bestoj, kreskaĵoj, kolonoj ktp. Ili brilas diverskolore. Ĉar neniu similas al alia, ili faras neforgeseblan impreson pri tiu mirinda natura fenomeno. La mondfama groto de Postojna estas malfermita jam preskaŭ 150 jarojn. Ĝi estas pli ol 23 km longa kaj dividiĝas en sennombraj salonoj, salonegoj, pontoj kaj tuneloj, de kiuj ĉiu havas adekvatan nomon kiel: granda, gotika, danca, kvieta, kristala, koncerta, bela, rusa, vintra ktp. salonego, Kalvario, Pivka groto, Nigra groto ks. En la groto estas konstanta temperaturo de 8,6 — 8,9° C. La vizitantoj memoru tion bone pro konvena vestaĵo! La groto estas fabele lumigita, tra ĝi estas konstruita durelpara elektro-trajna (akumulatora — senbrua) linio. Dum unu vizito kutime oni ne povas vidi ĉiujn partojn, sed la plej interesajn. La gvidantoj klarigas ĉiujn detalaĵojn. Tra la groto fluas la rivero Pivka. En la akvaj kavaĵoj vivas tre malofta nevidanta besteto «proteo» (proteus anguinus). En la ĉirkaŭo troviĝas multaj simile belaj aliaj grotoj, sed tiuj ne estas ankoraŭ ekipitaj por facila kaj amasa vizito. Proksime estas fama kastelo Predjama, en kiu troviĝas interesa muzeo. En proksima Groto de Planina oni vidas unikaĵon en la mondo, kunfluon de du grandaj riveroj Unica kaj Ŝkocijan.



*Dutraka fervojo en la groto de Postojna.*

Bildkliŝo: Stiftstidende, Hamar.

*

# Alparolo en la estrara kaj komitata kunsido en Rimini

Alparolas: Szilárd Bálint

*Rimarkoj pri la diverslandaj jarraportoj:*

Mi intencas paroli pri du ĉefaj punktoj, pri la 26.-a: la junulara agado, aktiveco kaj pri la 27.-a: la varbado de novaj anoj. Unue ni vidu la nunan situacion en diversaj landoj rilate de junularo:

1. La aktiveco estas kontentiga en: Francio
2. La agado estas modesta en: Svisio
3. La agado ne sufiĉas en: Hungario, Jugoslavio, Italio, Ĉeĥoslovakio
4. Ne havas junularon: Danio, Finnlando, Aŭstrio, Norvegio, Nederlando, Polio, Rumanio, Svedio, Hispanio.

Laŭ nia opinio la bildo estas timiga eĉ sombra. Ĉu la Esperanto-movado jam tute maljuniĝis? Maljunaj homoj agadas, propagandas, oferas tempon kaj monon por varbi la junularon al nia rondo. Sed vane . . . Kiuj sekvos post la maljunuloj por rezervi kaj pluvivigi la movadon? Unue ni parolu pri niaj propraj familiaj rezultoj. Ni povus mencii al vi ekzemplojn, kiam la patro, aŭ la gepatroj estas konataj esperantistoj kaj iliaj gefiloj tute ne parolas Esperanton. Kial? Ĉu en nia familia rondo ni ne havas sufiĉajn reputacion, iniciaton por amigi nian lingvon? Tiel ŝajnas . . . Mi proponas dece al vi ĉiuj, ke ni unue komencu en nia propra familio la aktivecon. Estu familioj, kiel eblas plej multoj, kie de geavoj ĝis genepoj ĉiu ŝatas kaj parolas Esperanton.

Mi estis jam dufoje LKK-ano en Hungario kaj kun granda ĝojo mi konstatis, ke ekzistas familioj ekzemple el Francio, Anglio, kie la patro, la patrino kaj tri-kvar gefiloj aliĝis samtempe al kongreso kaj ili parolis kontentige Esperanton.

Ĉu ni ne povas sekvi tiun ekzemplon? Se anstataŭ la nunaj individuaj anoj aliĝos ankaŭ la familianoj, tiam nia movado certe multobliĝas eĉ juniĝas.

Mi proponas al nia estimata estraro, ke en la sekvonta jarraporto estu demando:

1. Kiom da familianojn havas niaj membroj?
2. El ili kiomope estas esperantistoj?

Ĉu ĝi estus nur senrezulta statistiko? Tute ne . . . La homoj estas scivolemaj kaj certe serĉas la kaŭzon de la demando.

Ĉu la informado estus granda laboro por la grupoj kaj por la landaj asocioj? Jes, sufiĉe . . ., sed ni esperas, ke tiu laboro estos ankaŭ instrua.

Mi ne volas plilongigi mian alparolon, sed mi devas paroli iom pri alia demando, pri la kialo de la kontentiga varbado. Laŭ la jarraportoj:

1. La kreskado pasintjara estis kontentiga en: Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio
2. La varbado estas modesta en: Svisio, Italio, Nederlando, Polio, Svedio.
3. La varbado ne sufiĉas en: Hungario, Jugoslavio, Danio, Francio.
4. Sen rezulto en: Finnlando, Norvegio, Rumanio, Hispanio.

Do, la bildo tute ne estas kontentiga. Sed ni devas serĉi la kialon! La varbado direktiĝas unue al la nombroj de la fervojistaj membroj de la landa asocio, due plialtigi la nombron de IFEF-anoj.

La okcidentaj landoj havas avantaĝon, ĉar ne ekzistas malfacilaĵo por pagi la membrokotizojn. Germanio montras belan ekzemplon kun 224 novaj anoj, sed la aliaj okcidentaj landoj tute ne.

Daŭrigo p. 15.

# Kongresproponoj pritraktendaj dum la 23-a IFEF-kongreso

La pola komitatano E. Nawrowski faris jenajn kongresproponojn por la kongreso en Maribor:

*Kongrespropono 1*

LKK de la IFEF-kongresoj sendu po 2 ekzemplerojn de la kongreslibro al la landaj sekcioj por ties bibliotekoj.

*Komento:* PFEF ne ricevas kroman kongreslibron, la komitatano disponigas sian libron por la biblioteko. Pro gravaj informoj kaj fak-historiaj artikoloj la kongreslibro devus troviĝi en ĉiu biblioteko de la landaj sekcioj.

*Kongrespropono 2*

La formato de la kongreslibroj havu la samajn dimensiojn, ĝi estu unueca.

*Komento:* En hodiaŭaj tempoj oni ĉion raciigas kaj normigas ankaŭ ni donu al niaj kongreslibroj unuecan aspekton.

*Kongrespropono 3*

Nia devizo: «La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn» havu korektan formon kaj IFEF rekomendu jenan tekston: «La reloj ligas landojn, Esperanto popolojn».

*Komento:* Ĝusta uzo de la artikolo laŭ gramatikaj reguloj.

*Kongrespropono 4*

Speciala komisiono por lernejaj aferoj ellaboru kompletigan programon por fervojistaj E-kursgvidantoj, konsiderante la plej necesajn fakterminojn kaj la laboron de la fervojistoj.

*Komento:* Grava afero por fervojistoj en kontaktoj kun esperantistoj.

*Kongrespropono 5*

IFEF starigu komisionon por literatura konkurso. Gajnintoj estu premiitaj dum la kongreso.

*Komento:* Estas inter la esperantistoj certe fervojistoj, kiuj verkas proze kaj poezie, ni donu al ili okazon publike elpaŝi dum la kongreso.

*Kongrespropono 6*

IFEF rekomendu, precipe ĉe la okcidentaj landaj sekcioj, iniciati klopodojn pri nomigo de eksprestrajno, eble kun internacia trakuro, aŭ de granda ŝipo, je nomo de «ESPERANTO» laŭ ekzemplo de la oceana ŝipo «M/S ZAMENHOF», kies nomiga iniciatoro estas esperantisto fervojisto. Se necese, pro nekompetenteco de IFEF, nia UEA-komitatano elpaŝu al la Universala Esperanto-Asocio kun konvena propono.

*Komento:* Bona propagandilo sur internacia kampo fare de IFEF.

*Kongrespropono 7*

IFEF eldonu indekson de ĉiuj esperantaj monumentoj, firmaj kaj moveblaj/ankaŭ stratoj/, kies iniciatoro de nomigo estas esperantistoj fervojistoj, eble kun klarigoj ekz. kun datoj ktp. — tiu indekso povas esti presita ankaŭ en la kongreslibroj.

*Komento:* Multaj esperantistoj fervojistoj kontribuis al honorigo de d-ro Zamenhof aŭ al esperantaj idealoj kaj tiun fakton ni devas memori.

*Kongrespropono 8*

IFEF eldonu liston de la plej gravaj memortagoj de la fervojista E-movado ekz. datoj de fondiĝo de IFEF, de la

landaj sekcioj, historiaj datoj, gravaj eventoj ktp. — ankaŭ tiu listo povas esti presita en la kongreslibroj.

*Komento:* Necesa estas konciza kunmeto de la plej gravaj faktoj por rapida informado.

*Kongrespropono 9*

IFEF kolektu esperantajn versaĵojn kaj kantojn je fervojistaj temoj kaj problemoj diversnaciajn pere de la landaj sekcioj kaj eldonu ilin en formo de libro.

*Komento:* Tia eldonaĵo mankas kaj certe havus sukceson sur la libromerkato.

*Kongrespropono 10*

IFEF rekomendu enkonduki propagandajn sloganojn porkongresajn kaj ĝeneralajn, ekz.:

a) porkongresa por 1971:
«1971 23. IFEF Kongreso Maribor, Jugoslavio»

b) ĝeneralaj por kulturkleriga informado:
por 1971
«Esperanto faciligas internaciajn kontraktojn»
«Esperanto la plej facila mondlingvo»
por 1972
«Unesco agnoskis la celojn kaj idealojn de Esperanto»
«Per Esperanto al amikeco kaj paco»
por 1973
«Koperniko, kreinto de la heliocentra mondteorio»
«Esperanto lingvo de kosma epoko»
por 1974
«Esperanto en tekniko kaj scienco»
«Esperanto unu lingvo en internaciaj kongresoj»
por 1975
«Esperanto en literaturo»

Esperanto en prozo, poezio kaj arto»

Tiuj sloganoj estu uzataj ankaŭ en nacia lingvo en formo de surstampoj aŭ surgluaĵoj en korespondado, sur kovriloj, afiŝoj, en kluboj ktp.

*Komento:* Tiuj sloganoj montras en ekstera formo la porpacan kunlaboron de la esperantistoj fervojistoj.

*

*Tagordo por la I-a kunsido de la Estraro-Komitato* (ne-publika)

1) Malfermo kaj konstato de mandatoj
2) Elekto de du junularaj kromkomitatan(in)oj
3) Elekto de ĉefkomitatano
4) Elekto de komitatano A UEA
5) Diskuto kongresproponoj
6) Diskuto statutproblemoj
7) Diversaĵoj aŭ libera diskuto

*Tagordo por la II-a kunsido de la Estrar-Komitato* (publika)

1) Malfermo kaj konstato de la mandatoj
2) Resumado de raportoj de landaj asocioj kaj diskutado (fakaj delegitoj, varbo de novaj membroj familianoj — FISAIC)
3) Raporto pri la komitata laboro
4) Kontaktkunveno, faka prelego en UK Londono
5) Diskuto statutproblemoj
6) Libera diskuto

*Tagordo por la Plenkunsido* (publika)

1) Malfermo kaj konstato de la mandatoj
2) Ricevitaj telegramoj kaj leteroj
3) Kongresraporto 1970 Rimini
4) Estraraj jarraportoj (sekretaria, kasista)
5) Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
   5.1. Terminara komisiono
   5.2. Fakprelega komisiono
   5.3. Junulara sekcio
   5.4. Komitatano A UEA
   5.5 Statuta komisiono

6) Kongresproponoj
7) Decido IFEF-statuto
8) Budĝetoj 1971 + 1972
9) Elekto de revizoroj
10) Elekto de kongreslokoj 1972/1973
11) Libera diskutado
12) Fermo

*Tagordo por la kunsido de la Terminara Komisiono*

1) Stato de la traduklaboroj
2) PIV kaj fervojaj terminoj
3) Kolego Blondeaux rekomendas diskuton pri geografiaj nomoj.
   B.v. antaŭe legi: en revuo Esperanto, julio/augusto 1970 (p. 116)-en PIV la ĝeneralan antaŭparolon (p. XVIII) -sur la mondmapo eldonita de IOE la «deklaron»
4) Diversaĵoj

*Tagordo por la kunsido de la Fakprelega Komisiono*

1) Raporto pri interkongresaj laboroj dum 1970/1971
2) Ideoj pri realigo kaj efiko de la novaj statutproponoj
3) Gvidlinioj de dumkongresaj fakprelegoj
4) Prelegotemoj por la 24-a kaj 25-a kongresoj
5) Diskuto

*Tagordo de la Statuta Komisiono*

1) Raporto pri la novellaborita IFEF-Statuto
2) Proponoj ankoraŭ ne traktitaj
3) Plua laborproceduro

La ĉefkomitatano
*K. Greutert*



# Junulara angulo



*Raporto pri la GEFA Junularkunveno*
*9a ĝis 11a de oktobro 1970*
*en St Martin/Weinstrasse*

Vendredo, post alveno en Neustadt/Weinstrasse, okazis mallonga veturado per aŭtomobilo al la junulardomo apud St Martin. Ni estis 13 gepartoprenantoj, inter kiuj gesinjoroj Grosmann el Fracio.

Post la 16a horo, estis senĝena kusido kaj vespermanĝo. Poste, malgranda noktmigrado tra la vinejoj ĉirkaŭ la junulardomo. Je la naŭa horo ni ekbruligis grandan fajron por rosti viandon sur lancoj. Bongustis kun la bona palatina vino!

Tranoktadon ni pasis en gastejo en Landaŭ.

Sabate matene, okazis veturado per aŭtomobiloj al Darmstadt. Tie ni rigardis la ekspozicion en la kongresejo. Tagmanĝo okazis en la fervojista kantino. Posttagmeze, autobusekskurso tra Darmstadt kaj la ĉirkaŭaĵoj.

Vespere ni partoprenis la festvesperon en la kongresejo. Ni tranoktis en la junularhejmo apud Darmstadt.

Dimanĉe post matenmanĝo, estis prelego de Sro Laŭtenbach el Fulda, pri

instruado, klarigo, perfektigo de lernantoj kaj aspirantoj ĉe DB kaj SNCF. Posttagmeze, veturado al Neŭstadt/Weinstrasse. Tie ni vidis la belegan irantaron okaze de la germana vinrikolta festo 1970. Estis kunveno en la granda festtendo, plenigita de vinboteloj!

Laŭ raporto teksto de Klaus Hegenberg, GEFA Junularrespondeculo.

---




# ADMINISTRAJ INFORMOJ

## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO IFEF

*JARKALKULO 1970*

*Enspezoj:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kotizoj 1969 (saldo nepagitaj kotizoj 1969) | fr. 186.— | | |
| 1970 | » 9 330.15 | fr. | 9 516.15 |
| Adoptantoj | | » | 294.— |
| Abonoj | | » | 8.50 |
| Vendo de materialo | | » | 25.40 |
| Rentumoj | | » | 219.85 |
| Fonduso «Statutpresigo» | | » | 450.— |
| Diversaĵoj | | » | 8.33 |
| | | fr. | 10 522.23 |

*Elspezoj:*

| | | |
|---|---|---|
| Presigo de IF | fr. | 7 255.15 |
| Afrankoj de IF | » | 1 290.60 |
| Administrado | » | 406.75 |
| Vojaĝoj kaj reprezentado | » | 188.20 |
| Estrarkunsidoj | » | 330.— |
| Elkotizoj UEA kaj SAT | » | 82.— |
| Junularo | » | 93.30 |
| Abono de gazetoj | » | 57.— |
| Diversaĵoj | » | 115.03 |
| Amortizo inventaro | » | 167.80 |
| Fonduso «Statutpresigo» | » | 450.— |
| | fr. | 10 435.83 |
| Plienspezoj | » | 86.40 |

BILANCO:

| | | | aktivoj | pasivoj |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | fr. 96.97 | | | |
| Bankkonto 471 | » 10.55 | | | |
| Deponkajeroj | » 3 130.25 | | | |
| Ŝparlibroj | » 439.05 | | fr. 3 676.82 | |
| Inventaro | | | » 171.10 | |
| Antaŭpagitaj kotizoj | | | | fr. 133.— |
| Fondusoj: Kongresa | fr. 556.50 | | | |
| Statutpresigo | » 450.— | | | » 1 006.50 |
| Havaĵo 1.1.1970 | | fr. 2 622.02 | | |
| Havaĵgajno 1970 | | » 86.40 | | » 2 708.42 |
| | | | fr. 3 847.92 | fr. 3 847.92 |

Romanshorn, 6-a de januaro 1971

la kasisto: O. *Walder*

la revisoroj: H. Hanselmann, H. Noll, E. Glättli

*MEMBROSTATO DE IFEF 1970*

| Lando | 1970 | (1969) |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 175 | 175 |
| Belgio | 25 | 25 |
| Britio | 29 | 39 |
| Bulgario | 300 | 300 |
| Ĉeĥoslovakio | 100 | 60 |
| Danio | 85 | 82 |
| Finnlando | 33 | 33 |
| Francio | 280 | 280 |
| Germanio | 850 | 850 |
| Hispanio | 205 | 205 |
| Hungario | 201 | 201 |
| Italio | 112 | 109 |
| Jugoslavio | 100 | 95 |
| Nederlando | 110 | 117 |
| Norvegio | 54 | 60 |
| Polio | 25 | 25 |
| Rumanio | 20 | 20 |
| Svedio | 166 | 146 |
| Svisio | 110 | 110 |
| Izolaj membroj | 5 | 6 |
| Adoptitoj | 65 | 63 |
| | 3 050 | (3 001) |

Niaj kolegoj en Hungario ankaŭ ĉijare sukcesis organizi perfektigan kurson por 30 gekolegoj kaj 30 nefervojistaj esperantistoj en ĉebalatona ripozejo.

Denove komenciĝis instruado de Esperanto kiel libervole elektita studobjekto kun pli ol 40 fervojistaj studentoj.

En Hispanio komencis en oktobro koresponda Esperantokurso inter la fervojistoj de diversaj hispanaj provincoj; entute estas 148 lernantoj, kiuj kuraĝe ekzercas.

En Hamar, Norvegio, trajnĉefo Kåre Bye sukcesis starigi Esperantokurson por komencantoj, kie partoprenas 7 konduktoroj kaj lokomotivistoj.

Ni deziras al ĉiuj lernantoj bonan sukceson!

*

El la Brita sekcio ni ricevis informon, ke ilia sekretario estas k.go Bryan Ranwell, 48 Abbey Road, Bush Hill Park, Enfield, — (ne kiel kelkaj opinias: kolegino Ann Stuart, kiu nun deĵoras en Edinburgh)

Kiel lastjare venis multaj bondeziroj por IFEF kaj la estraro. Ĉar ne eblas danki al ĉiuj persone pro tiu afableco, ni faras tion laŭ ĉi tiu vojo.

For la estraro: Kruse (sekr.)

## Nekrologoj

En Aŭstrio ni perdis longjaran fidelan membron. *Josef Zink* mortis komence de novembro 1970 post mallongdaŭra malsaneco. Li ludis gravan rolon okaze de la fondo de Aŭstria Federacio Esperantista Fervojista post la unua mondmilito. Kiel honormembro kaj Esperanto-instruisto de la hodiaŭaj estrarmembroj li donis konsilojn kaj helpon.

Por la fervojista movado li dum multaj jaroj regule verkis radio-manuskriptojn kaj mem ankaŭ parolis en la radiostacio Vieno.

*

El Italio ni informiĝis ke la jenaj membroj de la itala sekcio de IFEF mortis:

*Giuseppe Quarone.* La pioniro en la itala movado mortis en aĝo de 86 jaroj Li lernis Esperanton jam en 1909, ĉie kie li dum la vivo loĝis kaj deĵoris kiel fervojisto, li sukcesis starigi kursojn en la internacia lingvo, kaj poste fondi Esperantoklubojn.

En 1949 li partoprenis en Vieno, en Tuteŭropa Fervojista Konferenco, kie li kiel gvidanto de la itala delegacio, subskribis la deklaracion kiu gvidis al starigo de IFEF.

Li donacis multajn librojn, kaj abonis Esperanto-gazetojn al la biblioteko «Ricottiana» en Voghera, cetere li estis membro de UEA, de Itala Instituto de Esperanto, kaj de la itala IFEF-sekcio ekde la fondiĝo.

*Mario Tommasini.* El Trieste ni ricevis la informon, ke la juna kolego Mario Tommasini forpasis.

Li estas konata por siaj bonaj konsiloj al la junularo. Por la tuta esperantistaro lia morto estas forta perdo.

*Italia Goggi,* edzino de D.ro Vittorio Ginliarini, kiu kune kun edzo kaj filino Daria kaj aliaj gesamideanoj, fondis fervojistan Esperantogrupon en Poretta Terme, mortis.

Ŝi estas konata kiel tre entuziasma kaj agema por nia movado.

*Ottavia La Mura.* En Zinola nia elstara pioniro mortis 19.12.1970. Li estis membro de IFEF ekde ĝia fondiĝo, kaj li senlace informis siajn fervojistajn kolegojn pri Esperanto kie li deĵoris, — nome en Rivarolo kaj Zorli.

*Ili ripozu en paco!*

Daŭrigo de p. 5.

## Maribor la urbo...

ajn, agronomian kaj stomatologian. Ekster tiuj pedagogian akademion. Por ili oni konstruis ankaŭ novajn modernajn domojn. Antaŭ du jaroj ricevis la ekonomi-komerca supera lernejo la 2-an ŝtupon kaj fariĝis altlernejo. En la sama jaro ekfunkciis en Maribor teologia fakultato. Oni atendas, ke baldaŭ la aliaj teknikaj superaj fariĝos altaj lernejoj. Krome funkcias en Maribor diversaj institutoj kiel dislokigitaj partoj de Universitato Ljubljana. Menciindaj estas la unika akvario, diversaj muzeoj, la studa kaj altlerneja biblioteko ktp. Mi ne forgesu mencii, ke Maribor estas urbo de «forma viva», kie famaj eksterlandaj skulptistoj de jaro al jaro dum la monatoj julio—aŭgusto faras modernajn monumentojn el ŝtalo-betono kaj starigas ilin sur konvenaj placoj de novaj urbaj kvartaloj.

Nature, la evoluo de ekonomio kaj kresko de kulturaj institucioj multe plibonigis la vivnivelon de la loĝantaro,

kiu kreskis de antaŭmilitaj 35.000 al nunaj 115.000. Tiom pligrandiĝis ankaŭ la urba surfaco, kreskis la nombro de loĝdomoj, individuaj kaj grandaj en socia pocedaĵo. Certe estas la novaj ĉiuj pli modernaj kaj komfortaj ol la antaŭmilitaj . . .

Laŭ intereso kaj libera tempo la kongresanoj havos okazon multon viziti kaj vidi. *Ludviko Prebil.*

Daŭrigo de p. 8.

## Alparolo en la . . .

Ni ellaboris statistikon pri la membrostato inter la jaroj 1962 kaj 1969. Kaj la rezulto?

La altiĝo de 15 okcidentaj landoj estas 67 personoj kaj la altiĝo de 5 orientaj landoj estas 327 personoj. Ĉu la kaŭzo estas nur la valutaj aferoj? Tute ne . . .

La jarraporto de rumana Fervojista Esperanto-rondo grandparte pravas, kiam ili raportas: «Niaj homoj havas malgrandajn eblecojn veturi eksterlanden, estas la tasko de IFEF, pensi kaj aranĝi reciprokajn vizitojn, kiuj estus plej bonaj varbiloj kaj rimedoj por diskonigi Esperanton.» La tasko ne apartenas al IFEF., tamen nia estraro povus propagandi reciprokan interŝanĝan viziton inter la okcidentaj kaj orientaj landoj.

Inter la okcidentaj landoj, kie la mono validas egale en la aliaj landoj kaj inter la orientaj landoj la reciproka vizito estas facile solvebla. Jaro post jaro ankaŭ inter la okcidentaj kaj orientaj landoj plifaciliĝos la reciprokaj vizitoj.

Ni hungaroj jam multfoje faris interŝanĝan viziton kun orientaj landoj kun granda sukceso kaj la anaro de niaj grupoj post la vizito ĉiam plialtiĝis.

Principe do ni interkonsentas la proponon de la rumanaj gekolegoj kaj ni konsilas uzi ĝin vaste, kiel bonan varbeblecon por ĉiuj landaj asocioj.

*Rimarkigo: Kiel diskutkontribuon dum la lasta kongreso, pri la temo varbado en la jarraportoj, komitatano Szilárd Bálint uzis tre interesajn argumentojn. Tiuj argumentoj meritas pli grandan disvastigon. Tial ĉi-sekve ni publikigas la kompletan tekston kun la invito al la landaj asocioj okazigi kiel eble dum nun el la venontaj kunvenoj debaton pri la temo varbado kaj esperantistigo de familianoj. Oni esploru ankaŭ la eblecojn aliĝigi familianojn al IFEF, precipe konsiderante la landan statuton. Dum la venonta IFEF-kongreso en Maribor la komitato denove diskutu tiun problemon kaj eventualajn konsekvencojn por IFEF.*

*K. Greutert.*



# EL LA FERVOJISTA MONDO

*Ĉeĥoslovakio:*

12.12.1970 la ĉeĥoslovaka fervojista sekcio kunsidis en Ĉeska Trebova.

Post aprobo de la protokolo sekvis la raportoj de la sekretario, kasisto, junulara gvidanto, gvidanto de terminara komisio, kaj IFEF-komitatano.

Oni konstatas ke la terminara komisio vigle laboras.

Al inĝ. Jaromir Rebicek, gvidanto de terminara komisio, estis transdonita rememordonaco pro liaj meritoj por la fervojista Esperantomovado.

La IFEF-komitatano, Jiri Piŝtora detale informis pri organizaj aferoj de IFEF kaj pri landa kunveno de GEFA, kiun li partoprenis.

Plue li informis pri eblecoj partopreni la ĉijaran IFEF-kongreson en Maribor.

LKK de la 24-a IFEF-kongreso dum sia lasta kunveno okupis sin pri kongresemblemo, kongresejo, tranoktejo kaj aliaj problemoj.

Miloslav Blazek, prezidanto de la sekcio kaj s.ano Starman, kasisto, demisiis de siaj postenoj.

Novelektitaj estas Jiri Pištora kiel prezidanto kaj s.ano Slezak kiel kasisto.

*

*Norvegio:*

La norvega sekcio aranĝos sian jarkunvenon dum la semajnfino 20.—21.2. 1971 en Budor Turisthytte en Løten.

La loko situas en la montaro, kie je tiu sezono estas bonaj eblecoj por skiado.

Ĉiuj gesamideanoj de la propra lando kaj de eksterlando estas kore bonvenaj. Oni skribu al Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio por aliĝo.



PLENA ILUSTRITA VORTARO, SAT 1970, 1344 p., 30 bildopaĝoj, 14,6 x 20,2 x 6,3. Sub la gvidado de la ĉefaŭtoro, G. Waringhien, la prezidanto de la Akademio de Esperanto, multjara kaj streĉa laboro donis la rezulton — ilustritan vortaron.

En ĝi ni trovas pli ol 15.000 klarigitajn vortojn kun ampleksa teksto, neologismojn, novajn teknikajn kaj fakajn vortojn, geografiajn nomojn ktp. 30 bildopaĝoj kun ilutstraĵoj kaj tabeloj estas parto konciza kaj efike uzebla.

PIV havas ankaŭ enciklopedian karakteron kaj ĝi nepre ornamu niajn libroŝrankojn por ke ĝia ekzisto, krom la praktika valoro, atentigu nin kaj aliajn hazardajn preterpasantojn, ke la evoluo de la internacia lingvo atingis rimarkindan gradon konkurante konsekvence kun la evoluo de la teknika epoko.

Tiu ĉi sindona laboro de Prof. Waringhien kaj de multaj fakaj kunlaborantoj, tiu ĉi rezulto de proksimume 20-jara penado estas dediĉita al ni ĉiuj por niaj bezono kaj utilo.

*Zora Heide*

*

GAJAJ KLUBVESPEROJ, skeĉoj kaj ludoj, estas la titolo de libreto, ĵus eldonita pere de Dansk Esperanto Forlag.

Certe multaj kluboj dum jaroj serĉis tian libreton, kaj ĝi nun estas havebla je la malalta prezo Dkr. 4,60.

La skeĉoj kaj ludoj estas verkitaj de G. Riisberg, Zora Heide k.a., kio ja estas bona rekomendo.

La eldonejo intencas eldoni 4—5 diversajn libretojn enhavante skeĉojn k.t.p.

**ANONCOJ**

Ĉu estas eble trovi iun, kiu korespondus kaj interŝanĝus interesaĵojn pri fervojoj kaj fervojaj modeloj?

Salutas, Josef Chvosta, Engelsova 189-11-22 Poděbrady (Nymburk) Ĉehoslovakio.

AŬSKULTU ESPERANTLINGVAJN RADIO-ELSENDAĴOJN, SKRIBU PRI VIAJ IMPRESOJ AL LA SENDSTACIOJ!

---

La redaktfino por la venonta IF estas 5.3.1971.

Presita ĉe presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio